

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOL DE ESPERANT

AÑO XXII - Nº 265 SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1984

**Partoprenantoj en la 44-a Hispana Kongreso de Esperanto en Seviljo.**

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Apartado, 119; 47080 VALLADOLID

REDACTOR JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93)338081
08028 BARCELONA

COMITE DE REDACCION

Giordano Moya
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Aduriz

# ENHAVO



Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Apartado, 119
47080 VALLADOLID

**Prezidantino**

María Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12, 2º C.
Tfno (983) 260086
47011 VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, 8º A
47014 VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana 6
Avda. Vicente Mortes
47014 VALLADOLID

**Libro-Servo de H.E.F.**

José González Suárez
Apartado, 119
47080 VALLADOLID

Pagoj por libro-servo sendu al unu el la jenaj kontoj:

Cuenta Postal: 3.118.078 VALLADOLID

Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cta. Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE LA FEDERACION
ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Eldona Fako**

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
50001 ZARAGOZA

**Ĉefdelegito de U.E.A.**

Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127 portal 7, 2º Izda.
Tfno: (942) 339487
Cuenta Postal 03548531
39003 SANTANDER

**Informa-Fako**

Enrique Piquero Vázquez
Asin y Palacios, 8, 6º A
50009 ZARAGOZA




Solena malfermo de la kongreso. s-ro Manuel Figuerola festparolas (Foto S. Mulas).

# 44-a Hispana Kongreso de Esperanto

Ho! La laste naskita el la vivantaj lingvoj, jam solenis siajn 97 jarojn, kaj nia Federacio sian 37an datrevenon. Miloj da homoj preparas, same kiel, ni la centjaran jubileon de Esperanto. La sesa generacio de esperantistoj ekbrilis en Seviljo. Turismo, ĉu socia fenomeno? kiel oficiala temo de la kongreso, ĝi alportis novan vojon. Artaj, Sciencaj kaj Kulturaj Horoj!! nova ero de la programo, entuziasmigis la kongresanojn. Pliaj kaj pliaj emocioj skuas nian koron. Lavango da interesaj kaj agrablaj memoraĵoj elfluas el nia kapo. Sed haltu niaj emocio kaj ni raportas serenan informon por la membroj kiuj ne ĉeestis la kongreson.

Tiel do, tuj, oni povas certigi vin, leganto ke la kongreso estis profitplena kaj tre sukcesa. De la unua momento, en la Kongresejo (Instituto Velázquez) la bonan organizadon de la L.K.K. ĉiuj konstatis. La dokumentaro estis preta, libroservo de HEF prezentis pli ol 500 titolojn kelkaj salonoj kaj ĉambroj estis je la dispono de la delegitoj, estraranoj kaj gekongresanoj; senpagaj refreŝigaĵoj estis disdonitaj dum la unuaj tagoj kaj je la 20a horo (vendrede) la unuaj 100 gekongresanoj vizitis la «Alkazaron», kiu prezentiĝas nuntempe kiel miriga kunmiksaĵo de historio kaj arkitekturo, sendube la plej antikva Reĝa Domo de la Hispana Reĝeco. Tie akceptis nin, nome de la urbestro, s-ro Floranes, delegito pri Turismo kaj prof. R. Manzano informis pri la historio de la Reĝaj Alkazaroj. Prezidanto de la L.K.K., s-ro Manuel Ramírez Cepeda, salutis la aŭtoritatulojn kaj dankis ilin pro la eldonado de kvar informiloj pri Seviljo en Esperanto. Poste estis vizititaj la Kvartalo de Sankta Kruco kaj la parko de «María Luisa», en luksa kaj mirinda salono de la parko, la urbestraro regalis nin per abunda kaj bongusta lunĉo.

**Kunveno de la estraro de H.E.F. kun Delegitoj de Asocioj, Grupoj kaj Sekcioj**

Prezidas la kunsidon, s-ino María Rafaela Urueña, HEF-Prezidantino kaj protokolas la HEF-Sekretario, s-ro Luis Hernández.

Partoprenas la kunvenon: S-ro

Santiago Mulas (Astura Esperanto-Asocio); s-ro Salvador Aragay (Barcelona Esperanto-Centro); s-ro Augusto Casquero (Madrida Esperanto-Liceo); s-ro Julio Bueno (E.G. «Paco kaj Amo» de Vigo); s-ro Manuel López Serna (E.G. Alicante); s-ro José María Bernabeu (E. G. Callosa de Segura); s-ro Juan García Pintado (E. G. Cartagena); s-ro Julio Herrero (E. G. Málaga); s-ro Manuel Ramírez (E. G. Seviljo); s-ro Enrique Arnau (E. G. Cheste); s-ro Giordano Moya (E-Fako, Tarrassa); s-ro Ramón Giménez (Fervojista Sekcio de HEF); s-ro Miguel Angel Sancho (H.E.J.S.): s-ro José María González Aboin (Centra Oficejo de H.E.F.); s-ro Juan Navareño (E. Sekcio de C.A.U. Madrido); s-ro Angel Gansó (E. G. Emerituloj, Madrido); s-ro Francisco Zaragoza (I.L.E.I.) kaj s-ro Gian Carlo Fighiera (Heroldo de Esperanto).

1. Rilatoj inter HEF kaj la E-Asocioj.

La HEF-sekretario s-ro Luis Hernández demandas pri la nuna situacio de la interrilatoj. La plejmulto el la reprezentantoj konsideras ilin bonaj kaj mezbonaj kaj kelkaj opinias ke ili estas maloftaj, kaj petas ke oni aperigu pli da HEF-cirkuleroj kun la celo ke la E-Asocioj partoprenu pli aktive en la landa E-movado. La HEF-sekretario akceptas tiun sugeston kaj rekomendas ke la E-Asocioj ankaŭ sendu al HEF, jaran raporton; tiamaniere ankaŭ ĝi konstatos ilian ĝustan agadon.

2. Hispana Jubilea Komisiono

S-ro Salvador Aragay, nome de H.J.K. informis pri la lastaj paŝoj, projektoj, kontaktoj kun eksterlandaj Jubileaj Komisionoj kaj kun la Internacia Jubilea Komisiono.

La agadplano estas la jena:

a. Enketo preparita de s-ro Miguel A. Sancho, ĝia celo estas vidigi la bildon de niaj plej gravaj celoj.
b. Literatura Fako, gvidata de s-ro Miguel Gutiérrez, fina celo de ĉi fako estos la publikigado de verkoj en kaj pri Esperanto, (Literaturaj, Sciencaj, Edukaj, k.t.p.)
c. 47a Hispana Kongreso de Esperanto en Madrido (1987a). Nome de la provizora L.K.K., s-ro Augusto Casquero informos nin, en la oficiala Laborkunsido de H.J.K.
ĉ. Universitata Agado. Lic. Antono Alonso Núñez (Universitato de Santiago) preparas Internacian Preuniversitatan Kurson en Esperanto pri «MATEMATIKO, FIZIKO KAJ KEMIO».
d. Inform-Broŝuro, bele ilustrita pri Esperanto, formato A-4, eldonita en hispana lingvo. Preparos ĝin ĉiuj komisionanoj.
e. Kampanjo «Aliĝintaj Asocioj», lancita de Salvador Aragay. La celo de tiu ĉi kampanjo estas krei regulan kunlaboradon inter Hispana Jubilea Komisiono kun ĉiuj E-Asocioj, E-Grupoj kaj E-Sekcioj de Hispanio.
f. Kampanjo E-100. Celo, trovi financan helpon por subteni la agadon de Hispana Jubilea Komisiono.

3. 45a Hispana Kongreso de Esperanto en Cartagena, datoj: de la 5a ĝis la 9a de julio. S-ro García Pintado disdonas la unuajn dokumentojn kaj aliĝilojn kaj informas pri la venontaj paŝoj kaj laborojn farotaj. Ĉiuj ĉeesantoj gratulas lin pro lia laborado.
4. IFEF-Kongreso en Barcelono en 1986-a. S-ro R. Jiménez informas ke tiu kongreso ne okazos, nun, oni studas alian daton.
5. Unuanime, oni decidis sendi al s-ano Adonis González salutleteron, ĉar li ne estis en la kongreso pro grava akcidento.

## Solena Inaŭguro

Prezidas: S-ino María Rafaela Urueña, Prezidantino de H.E.F.; s-ro Luis Hernández, Sekretario de H.E.F.; s-ro Manuel Figuerola Palomo, Festparolanto; s-ro Manuel Ramírez, Prezidanto de L.K.K.; s-ro José Pavón, Sekretario de L.K.K. kaj F-ino

María de los Angeles Infante, filino de Blas Infante.

La HEF-Prezidantino, s-ino Urueña salutas la gekongresanojn kaj prezentas s-ron Manuel Ramírez, kiu informas pri la ĉefaj aranĝoj kaj bonvenigas ĉiujn ĉeestantojn.

Sekve estas invitataj saluti la kongreson, la eksterlandaj reprezentantoj: S-ron Kreŝimir Polak (Jugoslavio); s-ro Fernando Costa (Portugalio); s-ro Pierre Sevilla (Francujo), F-ino Avigail Mesulam (Israelo).

Poste la Sekretario de H.E.F. legas salutleterojn de Kataluna Esperanto-Asocio; Hispana Turisma Esperanto-Sekcio kaj s-ro Jaime Benito, Prezidanto de L.K.K. de la 43-a Hispana Esperanto Kongreso okazinta pasintjare en Zaragozo.

S-ino Urueña parolis pri la temo «Seviljo kaj la Andaluzia Kulturo». Ŝi reliefis la brilan epokon de la andaluzia lando sub la regado de la mozaraboj; la gravan rolon de Seviljo kiel ĉefa urbo post la eltrovo de Ameriko kaj la gravaj intelektuloj kiel Blas Infante (Patro de la Nova Andaluzio).

Sekve, s-ro Manuel Figuerola Palomo, enkondukante la temon de la Kongreso, festparolas pri «Función del Esperanto en los fines sociales y económicos del Turismo». La parolado, ege interesa, estis varme aplaŭdata kaj en alia paĝo ni aperigas malgrandan resumon.

Membro de L.K.K. transdonis, nome de la esperantistaro, belan florbukedon al la filino de Blas Infante. Ŝi, emociite, salutis la kongresanojn kaj memorigis ilin ke ŝia patro estis simpatia al Esperanto, kaj eĉ studis ĝin.

Fine, s-ino María Rafaela Urueña deklaris malfermita la 44-an Hispanan Kongreson de Esperanto.

**Kunveno de redaktoroj de E-revuoj kaj E-bultenoj**

Pli ol 20 redaktoroj kaj kunlaborantoj partoprenas en la debato, kiu prezidas s-ro Salvador Aragay, ĉefredaktoro de **BOLETIN**.

La debato centriĝis en la rekomendoj aperintaj en la HEF-bulteno nº 261 (januaro-februaro) kaj pli detale pri la du jenaj rekomendoj:

a) La misuzado de la litero ŭ. La gvidanto informis ki kvankam ne ekzistas rekomendo de la Akademio de Esperanto por ŝanĝi la grafikan aspekton de la 26a litero de la esperanta alfabeto, aperas en publikaĵoj gravaj ŝanĝoj, ekzemple, la vorto «daŭre» estis reprezentita laŭ la jenaj manieroj: **daùre, daúre, daùre, daüre** kaj eĉ **daure.**

Iuj redaktoroj malgravigas tiun misuzon, indikante ke tia agado, okazas pro la ne ekzistado en la skribmaŝinoj de la litero ŭ, kaj ĉiu solvas ĉi tiun problemeton laŭvole. La gvidanto insistis pri la neceso uzi la 26an literon de nia alfabeto laŭ ĝia ĝusta grafika desegno, ĉar se ni konsentas misuzadon por la litero ŭ, poste aliaj skribantoj ankaŭ povus ŝanĝi aliajn literojn. Nuntempe eĉ en manskribita korespondado aperas simila problemo, tiel do, la nuna situacio okazas pro neglektemo de la redaktoroj kaj instruistoj.

b) La uzado de la romanaj literoj kiel numeraloj. Oni konstatis ke en la kongresejo estas standardo kiu enhavas la romanan ciferon XLIV. Por ni latinaj esperantistoj, tiuj signoj eble estas kompreneblaj, tamen, por esperantistoj kiuj ne konas la latinan aŭ la latinidajn lingvojn, la romanaj ciferoj, estas strangaj simboloj, kiel por ni estas la ciferoj en ĉina, greka aŭ «harappea» lingvoj.

La Plena Ilustrita Vortaro solvas la ordajn numeralojn jene: Karolo la Kvina (paĝo, 492); fondita en la 12a jc. (paĝo 491), Napoleono la unua (paĝo 726).

Plie en Ilustrita Vortaro de Esperanto (F. Azorín) indikas: Papo Inocenso 3a (paĝo 364); sveda kuracisto, 17a jc. (paĝo, 364).

S-ro Giordano Moya rimarkigas ke eĉ UNESKO rekomendis al la verkistoj apartenantaj al la latinidaj lingvoj uzi la arabajn ciferojn anstataŭ la romanaj, ĉar ili estas pli universalaj.

# SEMINARIO PRI TURISMO




Seminario pri Turismo. s-ro G.C. Fighiera prelegas (Foto S. Mulas).

Enkondukas la temon s-ro Gian Carlo Fighiera.

**Resumite,** li enkonduke analizis la evoluon de la koncepto «libera tempo», al kiu koncepto la turismo iugrade identiĝas. Ĝis proksimume la industria revolucio de la pasinta jarcento la homoj submetiĝis al la tempo, sed ne regis ĝin, ĉar ili ne kutimis nete distingi inter labora kaj libera tempo. La maŝinoj de la pasint-Jarcenta industria revolucio altrudis al la homoj la neceson plani la produktadon kaj sekve, fiksi regulajn horarojn; unuafoje, oni starigis netranspaseblan linion inter labortempo kaj libera tempo. Samtempe, la antaŭa koncepto de la laboro kiel puno, estis tute renversita kaj anstataŭita de nova idealo, kiu konsideris la tempon de produktado kiel la plej noblan parton de la vivo.

La limigo de la semajnaj laborhoroj, la jara periodo da ferioj estas aktualaj atingoj, kaj ne mankas hodiaŭ kiuj opinias ke la libera tempo estas la vera viv-motivo de la homo, dum la rolo de la labor-tempo limiĝas je la provizado de la financaj rimedoj por ĝui kiel eble plej intense de la tempo de nelaborado.

Aktualaj studoj dividas la jaran tempon je dispono de la homo en kvar periodojn: Labora tempo, 34%; Biologia tempo: 43,3%; Tempo de nepraj taskoj: 7%; Libera templo: 15%.

La moraláj valoroj de la internacia turismo estas substrekitaj en la **Deklaracio pri la Monda Turismo (Manila 1980-a)** kiun unuanime akceptis 107 ŝtatoj. La Deklaracio agnoskas la rolon de la internacia turismo por «paco kaj sekureco, por malgrandigi la internacian streĉitecon kaj akceli la internacian kunlaboron» kaj difinas la turismon kiel «elementon de maturigo de la homo, pozitivan kaj konstantan faktoron de reciprokaj kono kaj kompreno, bazon de respekto kaj konfido inter ĉiuj popoloj de la mondo», kaj agnoskas ke la spiritaj, kulturaj kaj moralaj elementoj devas antaŭiri la teknikajn kaj la materiajn.

En la nuntempa situacio ilia plenumo

dependas de la interhoma kunlaboro **kiu povas funkcii nur se la homoj povas komunikadi inter si**. Internacia komunikado povas okazi nur kiam kaj kie ekzistas la necesa instrumento por ĝia plenumo, nome komuna lingvo.

La demando de komuna lingvo estas tiel esenca en la afero de la sekureco de la 300 milionoj da eksterlandaj turistoj, ke kelkafoje ĝi akiras la aspekton de alternativo inter la vivo kaj morto, ekzemple, en la mar-trafiko, en la rilatoj inter la ŝip-gvidantaro kaj diversnaciaj pasaĝeroj, aŭ en la aertrafiko.

La nuna situacio karakteriziĝas per rapida kreskado de la internaciaj rilatoj, akompanata per samtempa malkreskado de efectiva kompreniĝo. Tio kondukas al konstato ke lingvo ĉies akceptebla devus esti neŭtrala, facila, larĝe testita kaj jam aplikata en ciuj kampoj de la internacia vivo. Ĉiuj povas facile konsenti ke nur Esperanto respondas al la supraj postuloj.

En 1980, okazis la Monda Turismo Konferenco en Manilo kun la partopreno de 107 ŝtatoj kaj 91 internaciaj registaraj kaj neregistaraj organizoj. En la kadroj de la diskutoj pri la punkto «Malvolviĝo de la homaj rimedoj» oni debatis la demandon pri komuna lingvo, kaj la konkludo estis ke pluraj delegacioj apogis la peton de la uzo Esperanto por turisma komunikado.

Konclude, ĉar la kono de Esperanto, povas forigi la lingvan problemon en la turismo kaj alporti moralajn, ekonomiajn kaj praktikajn avantaĝojn, estas konsilinde ke la respondeculoj de la naciaj kaj lokaj turismaj instancoj kuragiĝu ĝian praktikan aplikadon en la diversaj kampoj per eldonado en esperanto de propaganda materialo por eksterlando, per uzado de Esperanto por la rilatoj inter ĉiuj turismaj funkciuloj kaj la vojaĝanto, per malfermo de kursoj en la turismaj faklernejoj k.t.p.

# Ĝenerala kunveno de HEF

Prezidas: HEF-estraro

Oni estas aprobinta la financajn raportojn kaj la jaran agadraporton ekde la 1-a de julio de 1983-a ĝis la 30-a de junio 1984-a.

Unuanime estis ekceptita ke la nova HEF-estraro situos en Alicante.

Konstatante ke mankas kongresurbo por 1986-a, oni proponis al la E-Grupoj ke ili studu siajn eblecojn, ni povas nur aldoni ke tri urboj: Santiago de Compostela, Vigo kaj Valencia estas iomete interesataj pri la evento.

Dank'al sugesto de s-ro A. Figuerola eksprezidanto de HEF, estis aprobita la konsistigo de speciala komisiono kun la celo entrepreni la finajn paŝojn por la aĉetado nome de HEF de Apartamento en Madrido. Estis elektitaj: A. Figuerola, G. Flores kaj J. González Aboin. S-ro A. Figuerola nome de la komisiono informis pri la nuna situacio, skize ĝi estas la jena: finfine oni pagis jam la lastan pagon, tiel do, nun, nur restas pagota la notaria akto, kies kosto estas, proksimume, 700.000 pesetoj. Estas menciinde ke la projekto pri aĉetado de Centra Oficejo por H.E.F. komenciĝis antaŭ 14 jaroj, t.e. en 1970-a, kaj dum la unuaj jaroj la hispana esperantistaro monhelpis la projekton, sed dum la lastaj jaroj la plej gravaj donacoj estis de la madridaj esperantistoj kaj ĉefe de la membroj de la ĵus kreita komisiono. La kongresanaro emociita pro la agado de la madridaj esperantistoj eksplodis per tondra aplaŭdo.

Lic. Antonio Alonso Núñez informis pri nova ero de la kongresprogramo «Artaj, Sciencaj kaj Kulturaj Horoj» pri kiuj oni starigos specialan regularon.

Ankaŭ informis pri la «Unutemaj Semajnfinoj de HEF» dum kiuj, kaj ekster la Kongreso, oni traktos specifan kaj fakan temon.

## TURISMO KAJ AMUZAĴOJ

Ĉiu kongreso dividiĝas en du ege malsamajn partojn: laboraj kaj ne laboraj, tiuj ĉi lastaj nomitaj, amuzaj, ripozaj aŭ simple turismaj, kiuj permesas al la kongresanoj malstreĉi la nervojn, trankviligi la korpon, kaj tion, kio estas vere interesa, kontakti kaj koni la kongresurbon, ĝiajn loĝantojn kaj iliajn kutimojn.

Ĉu vi scias ke la rivero Guadalkiviro ne trapasas la urbon Seviljo? kurioze, ĉu? sed jes. Post la ŝipa promenado tra artefarita rivero situanta apud la «Torre del Oro» oni konstatis tion.

Folklora festo ĉiam interesiĝas kaj ĉi okaze, la trupo de «Maruja Garrido» prezentis andaluziajn tipajn dancojn: «Sevillanas», «Fandangos», «Bulerías», kaj kio pli surprizos multajn kongresanojn kelkaj el la gedancistoj kaj kantistoj estas esperantistoj kiel: Raquel Mora, Victoriano Vázquez, David de Campano, k.a.




Ŝipa promenado tra la Guadalkiviro (Foto Hernández).

Folklora prezentado (Foto S. Mulas).

Ĉu Junulara Vespero? La kongresanoj amase ĉeestis la junularan vesperon, kaŭzante veran problementon al la organizantoj kiujn la situacio superŝutis per zorgoj. Tamen, iom post iom, ĉiuj akceptis ke la kunveno ne estas labora, nek arta. Dum ni babilis kaj komentis la lastajn aranĝojn, pasis la horoj en la ĝardenoj «Murillo» kaj en la restoracio «3 Carabelas» noktomeze finiĝis la kunveno kiun fakte oni povas nomi «Interkona Vespero».

Matena vizito traurba. Multaj el la kongresanoj ne trovis momenton dum la unuaj tagoj eĉ por rigardi «La Giralda-n». Tiel do tiu vizito permesis konstati la belaĵojn de la monumentoj, parkoj kaj tipaj konstruaĵoj.

La Bankedo en la restoracio «Yantar» sincere, tre bone organizita, eĉ oni permesis elekti inter vegetarana kaj normala menuo. La restoracio kun klimatizata aero permesis al la kongresanoj, agrablan restadon post la manĝado.

Ĉi jare la tuttaga ekskurso estas al la fama urbo Jerez, poste al Arcos de la Frontera kaj, fine, al la plaĝo de Valdelagrana. En Jerez de la Frontera oni vizitis la kelon de «González Byass» en ĝi ekzistas bareloj subskribitaj de altranguloj kiuj vizitis ĝin kaj de nun en unu el la bariloj estas memoraĵo pri nia vizito, ĉar la Prezidantino de H.E.F. kaj la Prezidanto kaj la Sekretario de L.K.K. subskribis ĝin, elstarante la vorton ESPERANTO.

## PREZENTO DE NOVAJ LIBROJ

Prezidas: Luis Hernández, Salvador Aragay, Juan Azcuénaga kaj Miguel Gutiérrez.

Kadre de la kongreso estis prezentitaj la du lastaj eldonaĵoj presitaj en «Grafiques el Tinell» de Barcelono. SFEROJ-3 eldonita de Grupo NIFO, kies ĉefa zorganto s-ro Gutiérrez prezentis la verkon kaj informis pri ĝia enhavo, menciante ke tiu verketo malsimilas la aliajn SFEROJ-1 kaj SFEROJ-2 ĉar ĝi enhavas nur rakontojn originalajn; plie atentigas la kongresanojn, ke ĉi estas dediĉita al nia karmemora samideano kaj instruisto Petro Nuez.

S-ro S. Aragay prezentis la verkon «LA MIRINDA LIBRO» eldonitan de Barcelona Esperanto-Centro, omaĝe al nia neforgesebla samideano Ramón Molera kaj por festi la 75-an datrevenon de UEA. Juan Azcuénaga ĉefdelegito de UEA en Hispanio komentis la verketon kaj la taskon de la UEA-Delegitoj. Simpatie kaj ĝentile la verkistoj de la du menciitaj verkoj subskribis la unuajn dekojn de la aĉetitaj libroj.

## SOLENA FERMO DE LA KONGRESO

Emocie, s-ino María Rafaela Urueña, nome de la HEF-estraro kaj de L.K.K. dankis ĉiujn pro ilia kunlaborado dum la jaro kaj atentigis nin pri la grava, spirita kaj eduka valoroj de nia movado.

S-ro Luis Hernández, sekretario de H.E.F., legis la rezolucion kaj internajn konkludojn de la Kongreso, kiuj estis unuanime aprobitaj.

S-ro García Pintado invitis la esperantistaron partopreni en la estonta 45-a Hispana Kongreso de Esperanto en Cartagena, okazonta dum la unuaj tagoj de julio 1985-a.

S-ino María Rafaela Urueña, deklaris fermita la kongreson kaj starante ĉiuj kongresanoj oni kantis la himnon «LA ESPERO».

Poste: adiaŭoj, kisoj, ĉirkaŭbrakoj kaj en la kongresejo oni nur aŭdas: Ĝis Cartagena, ĝis Cartagena.

**Salvador Aragay**

# Contribución del Esperanto al desarrollo d

**(Resumen de la conferencia pronunciada por D. Manuel Figuerola Palomo, en el acto inaugural del 44 Congreso Español de Esperanto)**

Muy a menudo se suele conceptuar a la actividad turística como un hecho exclusivamente económico, y por no responder tal juicio a la realidad, deseo iniciar mi exposición con el reconocimiento previo y expreso del carácter social que también reunen sus manifestaciones y formas de proyección. Es por ello que el Esperanto, como un cauce más de aproximación y mejor comunicación entre los pueblos, tiene una absoluta relación con el Considerando de la Conferencia Mundial del Turismo, celebrada en Manila en 1980 y en el que se recoge entre otros razonamientos «que el turismo puede lograrse mediante el esfuerzo conjunto de todos los Estados para promover la reducción de la tensión internacional y fomentar la cooperación internacional con un espíritu de amistad, respeto a los derechos humanos y compensión entre todos los Estados».

Es evidente que el movimiento esperantista asume e identifica entre sus objetivos el colaborar al logro de un acercamiento entre los hombres, lo que se facilita si se comprenden en una misma lengua utilizada también con los mismos ideales...

Continuó el conferenciante añadiendo que llenar las horas de ocio, cada día más numerosas, haciendo turismo, además de deseable es conveniente para la salud física y síquica, lo cual sólo si las condiciones económicas mejoran, podrá conseguirse plenamente.

Sin embargo una gran proporción de la población mundial no es sujeto activo del turismo, pues sólo 287 millones de personas viajaron en 1983 a un país distinto del suyo a pesar del art. 24 de la Declaración Universal de Derechos Humanos y del Pacto de Derechos Económicos, Sociales y Culturales que declaran que son derechos inalienables el disfrute del tiempo libre... y vacaciones periódicas pagadas.

En cuanto a la evolución del turismo, puede afirmarse que éste siempre ha tenido vigencia en la historia, pero sólo en los últimos años se ha producido un turismo de masas. A principios de los años sesenta se sobrepasó la cifra de cien millones de viajeros internacionales, pero antes de la crisis de 1973 se alcanzaron los doscientos millones y en 1990 se podrá alcanzar la cifra de 500 millones. Y es en esa demanda turística internacional donde el Esperanto podrá ejercer el papel de medio de comunicación, de estímulo al viaje, de interrelación de personas de distintos países y lenguas.

**El impacto social del turismo ha sido positivo**. Las repercusiones positivas han sido muchas: El turismo ha originado un fuerte desarrollo regional que se ha manifestado elevando el nivel cultural y profesional de las poblaciones receptoras. Areas que padecían profundos subdesarrollos históricos han visto cómo sus gentes han tenido al menos, la oportunidad de optar por la alternativa de la interrelación con gentes venidas de lejos, que les han

acostumbrado a vivir nuevos hábitos de comportamiento. Socialmente, todos han podido incorporarse a un proyecto común que ha permitido elevar su nivel de calidad de vida.

**El turismo tiene efectos económicos, crea riqueza**. Observamos que zonas de la tierra que se desenvolvían en una grave depresión económica han visto cómo sus indicadores sociales y económicos han alcanzado en los últimos años, con la llegada del turismo, cotas altas en los niveles de desarrollo, especialmente en cuanto a volumen de renta y a su distribución.

El turismo se encuentra afectado profundamente por un conjunto de factores de influencia que son causantes de su expansión o recesión.

Los entornos de repercusión podrían ser diversificados en cinco ámbitos: los factores económicos, las circunstancias político-sociales, los perfiles sociales de la población, el medio natural y ecológico y razones institucionales y jurídicas. Todos esos marcos en forma agregada y en alguna medida cada uno de ellos, originan una tendencia turística, una tipología de turismo y un equilibrio estructural de la actividad.

El factor decisivo de influencia económica es el proceso de crecimiento de la renta de la población. Otros factores, como los índices de precios y la relación de cambio ocupan lugares inferiores en cuanto al impacto que producen, ya que el carácter que ha asumido el turismo de bien irrenunciable, hace que los individuos no estén dispuestos a abandonar un propósito de viaje o desplazamiento a una lejana o cercana estación turística.

..... Seguidamente, el Sr. Figuerola resaltó la significación social y económica del turismo en España, como «trascendente». Desde 1960, año en que puede decirse que se produjo la expansión como fenómeno social del turismo en España, el resultado ha sido decisivo para el logro de los hitos alcanzados en el mejoramiento económico y estructural del conjunto del sistema. El futuro del turismo, para el conferenciante es esperanzador en el sentido de que en la actualidad las inclinaciones humanas a imitar y superar motivan el acto turístico, lo promocionan y estimulan. Los amigos no querrán dejar de visitar un lugar que sus amigos les han hecho conocer por medio de sus relatos. Esos comportamientos han de ser decisivos en los próximos años porque el hombre ha conocido la satisfacción del viaje y su culturización mediante el viaje.

La demanda turística se divide en nacional y extranjera y **Esperanto poco puede influir o afectar a la demanda interna, pero sí a la internacional**.

En estos momentos es objetivo de las políticas turísticas diversificar tanto las ofertas, como las demandas. El Esperantismo está definiendo un producto específico, que en esas acciones de diversificación encaja perfectamente y no debe ser menospreciado por su número. El turismo de intercambio de experiencias y personas que se mueven por los mismos ideales debe ser promovido, y aquí han de destacarse los desplazamientos de esperantistas, que por razón de **la lengua** que difunden se hacen cada vez más numerosos y más factibles. En las políticas de promoción, concluyó el orador, debe ser utilizado con mayor frecuencia el Esperanto, como lo fue en su día la difusión de «Hispanio por vi». He ahí un ejemplo que puede y debe proliferar.

# RAPORTO PRI LA AGADO DE

Denove kaj okaze de la Nacia Kongreso de Esperanto mi devas prezenti al via konsidero la raporton pri la laboro farita ekde la pasinta ĝenerala kunveno okazinta en Zaragoza.

La estraro de H.E.F. kaj ĉefe ĝia prezidantino daŭrigis la personajn kontaktojn kun reprezentantoj de kelkaj E-Grupoj, kiuj, laŭ nia opinio, povus preni la torĉon de la gvidado de la Federacio kaj tiuj kontaktoj, okazintaj en Zaragoza dum la Kongreso kaj poste en aliaj urboj donis, almenaŭ tion ni kredas, pozitivan rezulton.

Pri la sukcesa Kongreso okazinta en Zaragoza, kie la loka Grupo festis sian 75-an datrevenon, vi kiel kutime, estis detale kaj amplekse informitaj pere de BOLETIN. Laŭ mia persona opinio oni devas speciale mencii la Kongresejon, la plej komfortan kaj allogan kiun ĝis nun ni ĝuis kaj la tre riĉan, varian, artan programon en kiu partoprenis la aragona folklora trupo «BALUARTE ARAGONES». Ankaŭ estas menciinda la granda nombro de eksterlandaj samideanoj kiuj partoprenis nian Kongreson. Tiu partopreno estis ebla ne nur dank'al la bona kaj efika propagando farita de la Organiza Komitato, sed al la okazigo en la najbara Portugalio de la Internacia Konferenco de I.L.E.I.

Al la multnombre Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Budapeŝto ĉeestis grupeto da hispanaj samideanoj. En la malfermo de la Kongreso kaj nome de la Hispana Esperanto-Federacio, salutis nia Prezidantino d-rino Urueña.

Nia komitatano s-ro Hernández, Sekretario de H.E.F., aktive partoprenis la komitatkunsidojn kaj, ĉijare, li eniris en la Komisionon pri Landa Agado kiun prezidas d-ro Renato Corsetti, Vicprezidanto de U.E.A., kun la celo helpi al la disvastigo de la Internacia Lingvo en Latinameriko.

Tiun agadon li kontentige plenumas, kun la efika helpo de la Federacio, kaj mi povas diri al vi ke ni jam ricevis plurajn dankleterojn de Ameriko.

## de la period[...] ĝis la 30-[...]

Nia oficiala organo «BOLETIN» daŭri[...] gas, pli malpli, sian regulan aperado[...] kaj ni estaj fieraj povi informi vin ke la t[...] unuaj numeroj de la nuna jaro jam esta[...] disdonitaj. Alia grava kaj kontentiga in[...] formo estas ke pasintjare ni sukcesi[...] disdoni la ses numerojn kaj mi espera[...] ke en proksima estonto tiu regula disdo[...] nado daŭros kaj ke eĉ pliboniĝos ka[...] plibeliĝos nia oficiala organo.

Dum kelkaj lokaj Grupoj aliĝintaj a[...] H.E.F., pro diversaj motivoj dormeta[...] feliĉe novaj kaj entuziasmaj grupoj nas[...] kiĝas kaj nun mi memoras tiun d[...] Castelldefels en la provinco de Barcelo[...] na kaj tiun de Alcoy en la provinco d[...] Alikante.

Alia menciinda fakto estas ke dum l[...] periodo kiun mi raportas okazis plura[...] kongresoj, renkontiĝoj kaj kunvenoj e[...] diversaj partoj de nia Lando. Tiu fakt[...] montras, efike, la vivantecon de ni[...] lingvo Esperanto.

De la 29-a de Oktobro ĝis la 1-a d[...] Novembro okazis en Sabadell la 19-[...] Kataluna Kongreso de Esperanto kaj e[...] tiu aranĝo partoprenis la Prezidantin[...] kaj la Sekretario de la Federacio. Dum l[...] inaŭguro de la Kongreso, la Prezidant[...] de Kataluna Esperanto-Asocio, Pastr[...] Manuel Casanoves, dumviva membro d[...] H.E.F., publike dankis la helpon ka[...] komprenemon kiun la kataluna espe[...]ranto movado ĉiam ricevas de la Federa[...]cio. Nome de la Hispana Esperanto-Fe[...]deracio salutis la Kongreson, nia Prezi[...]dantino, kiu deziris sukceson al la Kataluna E-Asocio kaj petis kunlaboron po[...] kune festi la centjaran datrevenon d[...] Esperanto.

Profitante nian viziton al Katalunio n[...] vojaĝis, ĝentile invitite de ge-sroj Her[...]

1-a de Julio 1983-a
de Junio 1984-a

nández Yzal, al la urbeto San Pablo de Ordal kie ni havis la bonŝancon viziti detale la Muzeon de Esperanto.

Invitite de la estraro de Astura Esperanto-Asocio vojaĝis al Gijón en la monato Decembro, la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F., krom diversaj kunvenoj kun aktivaj membroj de la loka esperanto movado, la Prezidantino prelegis hispanlingve pri «Esperanto, ĉu utopio, ĉu sociala neceso?» en la Teatro de la Universitata Katedro «Jovellanos» kie la Astura Esperanto-Asocio havas sian sidejon. La prelego okazis en la kadro de la programo aranĝita por inde festi la naskiĝdatrevenon de d-ro Zamenhof, kreinto de Esperanto.

La 18-an kaj 19-an de Marto vojaĝis al Alikante la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F. kiuj, kune kun aktivuloj de Alikante kaj de aliaj proksimaj urbetoj, kunvenis en la sidejo de la E-Grupo de la urbo por pritrakti diversajn aferojn pri la estonta funkciado de la Federacio.

Laŭ nia kutimo ekde nia estraraneco, ankaŭ nun ni vojaĝis al la kongresa urbo. Tiu vojaĝo okazis la monaton majo, kaj la kunsido kun membroj de L.K.K. okazis en la sidejo de la Esperanto-Asocio de Seviljo, la 13-an de la menciita monato. Krom nia persona vizito, ni regule havis kontakton kun la Organiza Komitato letere kaj telefone.

La diversaj sekcioj aliĝintaj al H.E.F. daŭrigis sian konstantan kaj regulan aktivadon. Menciinda estas la sukcesa H.E.J.S.-Tendaro okazinta en Kordovo, kie nia junulara sekcio festis sian 25-an jaron kaj la multnombra partopreno de hispanaj fervojistoj, membroj de nia sekcio H.E.F.A. en la I.F.E.F.-Kongreso okazinta en Bulgario.

La disvendado de libroj kaj esperantaĵoj pere de nia Libro-Servo kontentige funkcias kaj pri ĝia rezulto vi povas konstati per la legado de la kontoj aperintaj siatempe en BOLETIN. Ege sukcese ni disvendis la novan lernolibron de Fernando de Diego «Nuevo Método de Esperanto» eldonitan de «Heroldo de Esperanto» kaj kies nuran vendorajton en la tuta Lando, krom Madrid, ni havas kaj por informi al ĝiaj klientoj kaj amikoj ni regule aperigas libro-katalogon.

Kiel en pasintaj jaroj la kunlaborado inter la hispana sekcio de I.L.E.I. kaj la Federacio estis ege kontentiga kaj de tio rezultis pluraj novaj aliĝoj al H.E.F.

La unuaj demarŝoj por la venonta Kongreso okazonta en Cartagena jam estas faritaj kaj konkretajn rezultojn vi povis konstati en ĉi tiu Kongreso.

La propono por okazigi la Nacian Kongreson de Esperanton la jaron 1987-an estis akceptita de la estraro de H.E.F. kaj ni povas informi vin ke la menciita Kongreso okazos en Madrid. Pri ĝia organizado jam zorgos la nova estraro kiu anstataŭos nin.

Laŭlonge de nia estraraneca periodo ni klopodis efike plenumi nian taskon, sed ni konscias ke la ne plenumita tasko, pro diversaj kaŭzoj, estas ege granda kaj nun kiam mi, kiel Sekretario de la Federacio, prezentas al vi la lastan jarraporton mi deziras publike danki al ĉiuj kiuj, diversmaniere, apogis nian laboron kaj al tiuj kiuj tion ne faris, mi petas ke ili konsciu pri la ne grandeco de niaj propraj fortoj kaj de nun apogu senrezerve kaj entuziasme la agadon de la nova estraro, ĉar nur kunigante ĉies fortojn, ni povos atingi bonajn kaj efikajn rezultojn.

VALLADOLID, 30-an de junio 1984-a

LA SEKRETARIO,
Luis Hernández

Konforma
LA PREZIDANTINO
M. R. Urueña

# REZOLUCIO de la 44-a Hispana Kongreso de Esperanto

La 44-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Seviljo de la 6a ĝis la 12a de julio 1984a.

**EKZAMENINTE** la kongresan temon «La Turismo, kiel socia fenomeno»,

**MEMORIGAS** ke la celo de la Internacia Lingvo Esperanto estas proponi lingve maturan, sed facilan rimedon de interkompreniĝo kaj komunikado inter la homoj;

**ATENTIGAS** ke Esperanto jam liveris multajn servojn en ĉiuj kampoj de la moderna vivo, aparte en la kampo de vojaĝado kaj turismo;

**ATENTIGAS**, krome, ke la praktika utiligado de Esperanto rapide kreskas kaj ke jam pluraj centoj da naciaj kaj lokaj turismaj administracioj eldonis turismajn gvidlibrojn, afiŝojn, broŝurojn kaj filmojn en la internacia lingvo;

**ALTIRAS LA ATENTON** al tio, ke la Ĝenerala Asembleo de UNESKO en 1954a agnoskis la valoron de Esperanto por la disvastigo de scienco, edukado kaj kulturo, kaj ke la Monda Turisma Konferenco okazinta en Manilo en 1980a esprimis en sia FINA DECLARACIO, la apogon al la disvastigo de Esperanto;

**ALVOKAS** la turismajn aŭtoritatojn en Hispanio, publikigi en la Internacia Lingvo Esperanto, la varbmaterialon, kaj vaste utiligi tiun ĉi lingvon je la servo de la tutmonda turismo.

---

# INTERNAJ KONKLUDOJ de la 44a Hispana Kongreso de Esperanto

La 44a Hispana Kongreso de Esperanto, alprenis la jenajn konkludojn:

1-e. Kun la celo faciligi la ĉeeston al niaj kongresoj, de pensiuloj, starigi por la venontaj kongresoj, specialan kotizon por emerituloj.

2-e. Enkadrigi en la Kongresprogramon artajn, sciencajn kaj kulturajn horojn kun la celo plibonigi nian artan, sciencan kaj kulturan nivelon.

3-e. Ĉar ni konstatis ke la kongresaj tagoj ne sufiĉas por profunde studi sciencajn temojn, oni aranĝos sub la aŭspicioj de HEF apartajn finsemajnajn seminariojn por trakti pri fiksotaj temoj.

4-e. Esprimi la dankemon de la kongresanoj al la Urbaj aŭtoritatuloj de Seviljo, pro la eldono en Esperanto de kvar belaj turismaj broŝuroj.

# Unutemaj semajnofinoj de HEF

Laŭ decido farita de la Ĝenerala Kunveno de 44-a H.E-K, oni okazigu ĉi tiun «SEMAJNOFINO», kies aranĝa Komisiono konsistu el s-roj A. A. Núñez kaj M. R. Cepeda.

UNUTEMAJ SEMAJNOFINOJ DE HEF, temu pri 2-3 tagaj kunvenoj, en kiuj malgranda nombro de specialistoj intense trastudu unu difinitan temon dum Semajnofino kaj aliaj favoraj tempo-cirkonstancoj, kaj pri tio oni verkos informon por HEF.

Ĉiu specifa temo estu aprobita de HEF; nur post tio oni rajtas ĝin nomi laŭ la supra titolo. Pri la unuaj temoj kaj la provizora regularo, petu informojn rekte al la respondeculoj.

**Manuel Ramírez Cepeda**

---

# Artaj, sciencaj kaj kulturaj horoj

En la kadro de la 44a H.E.-K., oni prove kaj ne oficiale aranĝis la jenajn prelegojn:

1. José M. González Aboin: «GEOGRAFIAJ NOMOJ EN ESPERANTO».
2. Georgo Kamaĉo Cordón: «PALINDROMOJ EN LA HISPANA KAJ EN ESPERANTO».
3. Miguel A. Sancho: «ELEMENTA ENKONDUKO EN MIKROKOMPUTADON»
4. Rikardo F. Albert Reyna: «GRAVAJ PRONONCO-ERAROJ DE LA HISPANAJ ESPERANTISTOJ».
5. Miguel Gutiérrez Adúriz: «KIEL ONI PRETIGAS LIBRON POR ELDONO».
6. Antono Alonso Núñez: «DE ABAKO ĜIS KOMPUTILO».
7. Juan Azcuénaga Vierna: «KANTABRIO AŬTONOMA, KIAL?».
8. Enrique Arnau Prosper: «KULTIVADO DE VINBERO KAJ ŜANĜO DE ĜI AL VINO».
9. Manuel Ramírez Cepeda: «LOGIKO KAJ LINGVO, SIMILAĴOJ KAJ MALSIMILAĴOJ».
10. Edward Dennis Keefe: «ESPERANTO, FACILA LINGVO, SED... ĈU FACILE INSTRUEBLA?. Proponoj pri pli efika pedagogio por la Internacia Lingvo».

Ĉiuj prelegintoj estis varbitaj surloke aŭ mem sin proponis, sen antaŭa preparo. Ĉiu prelego estis 20-minuta, kaj sekvita de 10-minuta debato.

La provo estis vere kontentiga kaj instiga (tiel pro ĝia malvolviĝo mem, kiel pro la pruvo kiun ĝi provizis pri la ekzisto de homa kaj kultura kapitalo en la Movado). Nu: tiun kapitalon ni ja ekspluatu por nia propra kultura pliriĉigo kaj pro la bono de la Movado mem! Ĉi iĝis evidenta, krome, la neelĉerpeblan kvanton kaj diversecon de temoj adekvataj por niaj celoj.

Ĝuste pro tiuj rezultoj la Ĝenerala Kunveno de la Kongreso aprobis la konstantan regulan okazigon de tiaj aranĝoj en la kadro de la H.E-K. Ĝi aprobis krome la starigon de provizora regularo por tiaj aranĝoj, kaj starigis komisionon por ilia komenca funkciado. Ĝi komence konsistas el s-ro Antono Alonso Núñez (Esperanto-Kurso, Filologia Fakultato, Santiago de Compostela) kaj s-ro Manuel Ramírez Cepeda (Muñoz y Pavón, 6. La Palma del Condado, HUELVA).

Ĉiu esperantisto estas invitata al sinpropono por partopreno, aŭ al propono pri aliaj homoj aŭ ensembloj. Ĉion pri tio oni sendu al kiu ajn el la du komisionanoj.

**Antonio Alonso Núñez**

## Prezentado de Filozofia Asocio Tutmonda

Kadre de la publika prezento al la hispana esperantistaro de Filozofia Asocio Tutmonda kaj ĝia organo «SIMPOZIO», (vidu densan raporton en HEF-Bulteno n-ro 261) okazis prelegeto pri la ĝenerala graveco de la lingvo en Filozofio.

Estis prezentita rapida trarigardo de la evoluo de la prilingvaj problemoj konsiderataj de la filozofoj. Temis la sekvaĵo pri la kontaktoj inter filozofio kaj interlingvistiko. Tiusence oni diferencigis la klopodadon atingi filozofian lingvon por la ĉiutaga interkomuniko kaj la intereson pri la formula rimedo permesonta la ĝisfundigon de la scienco. Fine la kerno de la prelegeto centriĝis je la nuntempaj traserĉoj de la filozofio pri la lingvo pere de logiko.

Malgranda debato malfermiĝis kun interesa interŝanĝo de scioj pri la temo, kiu daŭris neformale en la koridoroj.

**Miguel A. Sancho**

## Kampanjo E-100

Kiel vi jam scias, dum la Hispana Kongreso de Esperanto okazinta en Zaragozo, oni starigis Hispanan Jubilean Komisionon, kiun prezidas s-ro Salvador Aragay, por inde prepari la Centjariĝon de la Internacia Lingvo ESPERANTO kaj certe, ambicia programo estas projektata.

Por ke la programo, tute aŭ parte, realiĝu estas nepre necesa la kunlaboro kaj helpo de ĉiu hispana samideano, ne nur labora, ĉiu laŭ sia ableco, sed ankaŭ financa. En tiu lasta kazo, ĉiu, pli-malpli povas kontribui per mondonacoj sendotaj al la kasistino de Hispana Esperanto-Federacio, aŭ al la konto de H.E.F. ĉe CAJA DE AHORROS POPULAR, AG. Urbana 5 VALLADOLID skribante, samtempe, bildkarton menciante ke la donaco estas por la KAMPANJO E-100.

La ricevitajn donacojn ni listigos, regule, en la paĝoj de «BOLETIN».

Ni anticipe kaj nome de H.J.K. sincere antaŭdankas vian malavaran helpon.

ESTRARO DE H.E.F.

## Donacoj ricevitaj por Kampanjo E-100

| | | |
|---|---|---|
| 1. | S-ro. Salvador Aragay Galbany ........................ | 6.500 p-toj |
| 2. | F-ino Faustina Martínez ................................ | 1.000 " |
| 3. | Gesinjoroj Hernández-Urueña ........................ | 5.000 " |
| 4. | Barcelona Esperanto-Centro ........................ | 1.000 " |




Halo de la vasta kongresejo (Foto A. Fighiera-Sikorska).

# IOM PRI LA 69-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Malgraŭ la fakto ke Kanado estas sufiĉe malproksima de nia kontinento, grupo da hispanoj partoprenis en la ĉijara U. K. okazinta en Vankuvero.

Dank'al la bona laboro realigita de Louise Labelle kaj siaj kunlaborantoj ni povis ĝui belegan antaŭkongreson en Montrealo. La insulo de Montrealo estas ĉirkaŭita de unu el la plej belegaj riveregoj de la mondo, la rivero S-ta Laŭrenco, kaj ĝi estas antikva, industria kaj komerca centro, tiel agrabla ke oni povas diri ke Montrealo plenumas la sloganon «agrable vivi».

Ni vizitis la malnovan kvartalon, plenan je historio, komenciĝanta en 1535-a per la malkovro fare de Jacques Cartier, de kelkaj miloj da indiĝejon, kaj sekvanta en 1609-a kiam Champlain venas en la urbon kaj starigas provizoran komercan stacion, okcidenten de la nuna Reĝa Placo. En la jaro 1642-a Paul de Chomedy kaj aliaj 40 pioniroj fondis Ville Marie, unuan nomon de Montrealo.

Du apartaj virinoj distingiĝis: Jeanne Mance kaj Marguerite Bourgeoys, kunfondintino de la urbo kaj de la unua hospitalo kaj fondintino de la unua lernejo por junulinoj, respektive.

Post kiam la angloj atakis Kanadon, la 8-an de Septembro 1760-a la urbo kapitulaciis kaj per la Traktato de Parizo, Francujo donis al la angloj ĉiujn teritoriojn oriente de la rivero Mississipi.

Sed, Montrealo ĉiam estas pli kaj pli grava. La okazigo de la Universala Ekspozicio en 1967-a, de la 21-aj Olimpiaj Ludoj en 1976-a kaj aliaj

okazintaĵoj kontribuis al la modernigo de la urbo, hodiaŭ impona centro de arto, komerco, sporto, modo, k.t.p.

Dum ĉi tiu antaŭkongreso ni ankau vizitis la Olimpikan Parkon en kiu okazas multaj ekspozicioj, kongresoj kaj, kompreneble sportaj spektakloj, la Botanikan Ĝardenon, unu el la plej grandaj de la mondo krom tiuj de Londono kaj Berlino, kaj kiu enhavas preskaŭ 26.000 specojn de plantoj el ĉiu angulo de la terglobo, inter kiuj 1.200 specojn de orkideoj kaj grandan kolekton da «bonzai» (japanaj arbaretoj).

Tre agrabla estis la vizito al la Planetario kie oni povas vidi la stelojn kiel la astronaŭtoj vidas ilin, kaj kio perkomento de spertulo fariĝas eduka travivaĵo.

Belegaj estas la parkoj de la urbo, el kiuj la plej fama estas Mont Royal (Reĝa Monto) situanta en la centro kaj de kies pinto oni povas vidi belan panoramon de la urbo. Alia granda parko estas Lafontaine kie kuniĝas, ofte, muzikistoj, akrobatoj kaj aliaj amuzaĵoj.

Mi ankaŭ vizitis la bestĝardenon kie oni vidas birdojn, mamulojn, reptiliojn k.t.p. kaj la akvarion kun 2.000 fiŝoj kaj aliaj vivantaj bestoj en 42 ekspoziciaj basenoj.

Tre interesaj estas la Muzeoj de Montrealo. Mi, speciale, elstarigas la Muzeon pri Belaj Artoj, fonditan en 1860-a kaj kiu estas la plej malnova Muzeo en Kanado. Ĝi enhavas mondfamajn kolektojn da pentraĵoj, desegnaĵoj, gravuraĵoj, mebloj, porcelanaĵoj, k.t.p. Ĉefe impresis min la belaj oraj pecoj kaj artaĵoj venintaj de Egiptujo, Grekujo, Romo, Ĉinujo k.c.

Tre kurioza estas la urbo sub la urbo, tio estas multaj kilometroj da koridoroj kiuj ligas la ĉefajn butikcentrojn de la urbo kelkajn ligitajn per metroo.

Fine mi devas diri ke ni ekskursis al Ottawa kaj al Kebekio kaj pro ĉio mi devas konfesi ke la antaŭkongreso bone sukcesis.

La U.K. komenciĝis la 21-an de julio kaj mi estis komisiita de la Prezidantino de H.E.F. por saluti dum la Malfermo.

En la Solena Inaŭguro prelegis




La Solena Inaŭguro (Foto A. Fighiera-Sikorska).

**En la Inaŭguro, reprezentantoj de landaj asocioj. Videblaj estas F-ino Yruegas kaj d-ro Régulo (Foto A.F.S.)**



d-ro Max Yalden, Ministro-Komisiito pri Oficialaj Lingvoj, kiu en sia tre interesa prelego parolis pri la lingvaj problemoj en Kanado kaj la projekto por ekvilibri la influon de la franca kaj de la angla lingvoj en la Lando, agnoskante, tamen, la malfacilan taskon antaŭvidatan.

Nome de la Hispana Esperanto-Federacio mi havis la plezuron saluti la Kongreson kaj mi partoprenis en pluraj aranĝoj, el kiuj mi mencias: Virinan Agadon, en kiu oni traktis du punktojn: raportojn kaj propoponojn por la venonta laboro. La propono temis pri virinaj artikoloj verkotaj en Esperanto, pri kurso dum la U.K. en Aŭgsburgo, k.t.p. Venis raportoj el Bulgario, Svedio, Japanio kaj Usono.

La tago de la lernejo, gvidata de d-ro Duncan Charters, estis ege interesa, ĉar oni traktis tre interesajn temojn kiel: krokodilemon, malrealisman propagandon, k.t.p. kaj oni diskutis pri la lernolibroj plej taŭgaj, enfazante la bezonon de vera internacieco en la lernolibroj de Esperanto. En la kadro de la tago de la lernejo prelegis f-ino Irena Szanser el Pollando.

La aŭkcio, bone givdata de d-ro Tonkin, estis iom pala, eble pro la fakto ke la kongresanoj ne havis, verŝajne, multe da mono.

Vankuvero estas la plej granda urbo de la provinco Brita Kolumbio kaj ĝi havas grandan havenon apud la Pacifiko. Ĝi estas tiel bela kaj havas tiel allogajn ĉirkaŭaĵojn ke estas por mi malfacile priskribi ilin.

Tamen, la U.K., laŭ mia persona vidpunkto, ne estis bone aranĝita, ĉar okazis multaj ŝanĝoj en la programo, sen antaŭa averto kaj biletoj por la bankedo ne estis haveblaj jam de la unua tago, ĉio ĉi malhelpis la bonan impreson de la Kongreso.

Dum la nunjara U.K. estis elektitaj novaj honoraj membroj de U.E.A. kaj inter ili estas nia samideano d-ro Régulo Pérez, kiu partoprenis en la kunsidoj de la Komitato de U.E.A. kiel oficiala anstataŭanto de nia komitatano s-ro Hernández, kiu ne povis veni en Kanadon.

Kune kun d-ro Régulo estis elektitaj honoraj membroj de U.E.A. s-roj Chicot, Draĵev, Miyamoto, Vogelman, Aristides kaj Hujucz.

Kaj... kion diri pri la postkongreso? Ne multe, ĉar malbone aranĝita de la komenco; la plialtigo de la prezoj, la ŝanĝo de la programo, la tranoktado for de la anoncita loko, je 15 aŭ 20 kilometroj for de la programita urbo, tute ne plaĉis al mi.

Tamen la pejzaĝoj de Kanado, la bela naturo kaj ĉefe la esperantista etoso dum la Universala Kongreso meritis tiun vojaĝon.

**Francisca de Yruegas**

# NIAJ GRUPOJ


S-ino Lupe Sanz donacas al la Urbestro de El Toboso ekzempleron de «La Inĝenia Hidalgo D. Quijote». (Foto F. Arroyo).

MADRID.—Diversaj cirkonstancoj malebligis al Madrida Esperanto-Liceo, plenumi la faritan promeson de la tiama prezidanto Augusto Casquero, donaci al la Muzeo de la «manĉa» vilaĝo «El Toboso», ekzempleron de la mondfama literatura verko «La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha», tradukita de F. de Diego kaj eldonita de Fundación Esperanto. Finfine, dank'al la «bonaj servoj» de la nuna prezidantino Lupe Sanz, tiu promeso trovis taŭgan, honoran kaj memorindan realigon.

La 5-an de majo, je la naŭa matene, jam atendis ĉe la pordego da nia Liceo la ĉiamaj «akuratuloj» ges-roj Fighiera kune kun Augusto kaj Alica; minutojn poste, 16 liceanoj ekiris karavane per kvar aŭtomobiloj al «El Toboso».

Ĝia urbestro Manuel Matías akceptis varme kaj amike la esperantistaron en la urbodomo. Augusto Casquero menciis la gravecon de la esperanta eldono kaj Gian Carlo Fighiera legis kelkajn paragrafojn por montri al niaj gastigantoj kiel bele sonas nia internacia lingvo. Sekve oni donacis al la Muzeo, ekzempleron de «Don Quijote».

Poste la aŭtoritatuloj montris al ni: la Muzeon, kulturdomon, bibliotekon, monumenton al Don Quijote-Dulcinea kaj la Domon de Dulcinea.

Posttagmeze okazis bankedo kaj vespere ni adiaŭis la vilaĝon «El Toboso», sed. Ni revenos. Jes, certe ni revenos! Ni havas jam ĉi tie bonajn geamikojn.

**Liceano**

---

# Mediteranea Konferenco de Esperantologio

De la 31-an de majo ĝis la 3-an de junio okazis en Vilafranka del Penedés, honore la jubileon de la Hispana Esperanto-Muzeo, la Mediteranea Konferenco de Esperantologio.

Vendredon matene en la salono de la Muzeo de la Vino en Vilafranka malfermis la Konferencon la Direktoro de la Muzeo de Esperanto, s-ro Luis María Hernández Yzal, kiu transdonis la presidantecon al d-ro Giorgio Silfer Ĝenerala Direktoro de la Kooperativo de Literatura Foiro en Svislando.

Nome de la Kooperativo, d-ro Giorgio Silfer salutis la konferencanojn kaj klarigis la kialon pri la Mediteranea Konferenco, ĉar la esperantologio estas iom neglektata en la Sud-okcidenta Eŭropo limanta la bordon de la

Mediteranea Maro, kompare kun la Nord-Orienta Eŭropo. Li finis la prezentadon legante leteron de prof. Gaston Waringhien, aŭtoro de Plena Ilustrita Vortaro.

Sekvis salutparolado de d-ro Gyorgy Nanovfszky ĉefredaktoro de «Planlingvistiko» kaj nome de la Kataluna Esperanto-Asocio, pro la ne ĉeesto de ĝia Prezidanto Manuel Casanoves, salutis ĝia Sekretario, s-ro Llibert Puig.

D-ro André Albault, Prezidanto de la Akademio de Esperanto, parolis pri ĉi tiu institucio, ĉar fakte oni ne konas ĝian rolon. Skize li rakontis pri la fondo de la Akademio post la rompiĝo de la Lingva Komitato kaj klarigis ke ĝi ne rajtas fari leĝojn, nur ĝi devas konsideri la evoluon de la lingvo kaj trovi solvon al la lingvaj malakordoj.

Plena programo de disertacioj okazis vendredon vespere, sabaton kaj dimanĉon matene. Ni aŭskultis multajn prelegojn kaj disertaciojn kaj multe lernis el ili. Suriris la podion, inter aliaj, d-ro Gyorgy Nanovfszky, kiu prelegis pri lingvistikaj problemoj; s-ro Antonio Alonso Núñez, el la Universitato de Santiago, pri la signifo de la duoblaj konjunkcioj kaj logiko; d-ro Francois Lo Jacomo, pri matematika terminologio; s-ino Géza Barozi pri la adaptigo de Esperanto kiel pontolingvo por la maŝintradukado; d-ro André Albault, pri la enkonduko de landnomoj k.t.p. Ĉefan taskon kiel Prezidanto de la Konferenco havis d-ro Giorgio Silfer, kiu prelegis pri «Jargonoj kaj Slangoj».

Vendredon vespere ni vizitis en Vilafranka gravan entrepenon de vinpreparado kaj ĝia eksportado. Sabaton postagmeze, ni iris de Vilafranka ĝis la proksima vilaĝo Sant Pau d'Ordal distanca 12 kilometrojn por viziti la Hispanan Esperanto-Muzeon.

Festparoladis d-ro Giorgio Silfer kiu reliefigis la klopodadon de la fondinto de la Muzeo s-ro Luis María Hernández Yzal, dirante ke tiu tasko bezonas viglan karakteron: kolektemon, persistemon kaj oferemon de financaj rimedoj kaj elstarigis la gravecon de la Muzeo por Esperanto kaj por la duoninsulo Iberio, precipe por la internacia kulturo. S-ro Hernández Yzal dankis la konferencanojn kaj rakontis pri la disvolviĝo de la Muzeo kaj pri la kialo de la Premio Klara Silvernik.

Sekve s-ro Llibert Puig legis gratulan leteron de s-ro Albert Manent, Ĝenerala Direktoro de Kultur-Disvastigado de la «Ĝeneralitat» de Katalunujo. Fine la urbestro de Subirats, urbo al kiu apartenas la vilaĝo Sant Pau d'Ordal, bonvenigis la vizitantojn.

Dimanĉon matene, en Vilafranka, okazis la ferma kunsido. Post silenti unu minuton memore de la forpasinta esperantologo kaj elstara esperantisto s-ro Pedro Nuez, oni informis pri la okazigo de la dua Konferenco en la unuaj tagoj de novembro de la venonta jaro 1985-a en la urbo Herculanum, apud Napoli (Italujo).

En tiu lasta kunsido okazis debato pri la konveneco publikigi Hispanan Antologion. Oni memoris ke s-ro Jaime Grau Casas, la aranĝinto de la Kataluna Antologio, havis jam preparita la manuskripton, sed pro la longa tempo pasinta ĝis nun, oni ne scias kie ĝi troviĝas. Estis konsentite fari demarŝojn ĉe la familio Grau Casas loĝanta en Valencio por la ebla retrovo de la originalo.

Post la ferma kunsido, per komuna manĝado en la hotela restoracio finiĝis la 1-a Mediteranea Konferenco de Esperantologio. Vere dum ĝi regis esperantista etoso, ĉar krom la uzado de Esperanto laŭ universitata nivelo kiel laborlingvo, tiel same Esperanto regis eĉ kiel ordinara lingvo de babilado; la internacieco de la partoprenantoj kaj ilia lingva scio donis tiun mirigan rezulton.

**G. Moya**

**LA MIRINDA LIBRO**
**Diversaj aŭtoroj. Eldonis Barcelona Esperanto-Centro, 1984-a**
**21 x 14,5 cm. Prezo: 300 pesetoj. ISBN 84 398 1654 5.**
**Mendebla ĉe Libro-Servo de H.E.F.**

Antaŭ miaj okuloj, de kiam mi ekkonis persone s-anon Ramón Molera, mi ĉiam vidis lin kiel maturan personon - ne pro liaj fizikaj aŭ vizaĝaj trajtoj kiuj ĉiam estis tiuj de viro plena je fortikeco kaj farto enviindaj, sed pro liaj celtrafaj decidoj pri entreprenemaj agadoj, aplombo antaŭ ĉio kaj vigleco konstanta. Sed kiam, pro la nehaltigebla forpaso de la jaroj li iom post iom fariĝis vere maturaĝa, mi nur vidis en li aspekton de enviinda stagna juneco, malgraŭ ke lastatempe kelkaj faltoj aperis sur lia vizaĝo, eble pro la malsano kiu subfosadis pli-malpli rapide lian valoran aktivan vivon.

Lia afableco, kaj lia ĉiam ridetante simpatiemo enkadrigita en vizaĝo serene altira kaj nekonfuzebla, spegulis talentan personon kiu tute donis sin al siaj profesio, familio, amikaro kaj plej noblaj idealoj. Esperanto estis por li, laŭ pluraj facetoj, senlima agadkampo por ke lia «bonhomeco» («bonhomia», en kataluna lingvo) efiku tre valide por esti konstanta varbanto kaj propagandanto —propagandisto— de la Zamenhofa idealo.

En Moia, la iutempe «verda urbeto», pro lia efika kaj konstanta esperantigo de multnombra junularo - la tuta loĝantaro admiris kaj amis s-ron Molera. Kaj kiam li, kiel posteulo de Delfí Dalmau prenis lian torĉon en la responsa grava posteno de hispana ĉefdelegito de U.E.A., li malvolvis plej efikan entuziasman agadon kaj baldaŭ li gajnis la Internacian Konkurson pri almembrigado. Jen, do, modela homo al kiu tiu presaĵo «**La Mirinda Libro**», prezentas modestan sed sinceran postmortan omaĝon al li, profitante la okazon de la 75-a datrevena jubileo de la Universala Esperanto-Asocio.

Jen 65-paĝa eldonaĵo konsistante, precipe, el verketoj premiitaj en la Internacia Literatura Konkurso «Ramón Molera», kiun Barcelona Esperanto-Centro alvokis okaze de lia frua forpaso, por tiel reliefigi la taskon ĉefdelegitan kiun li plenumis, kiel dirite, tiel efike. La premiitaj noveletoj ne estas, laŭ absoluta literatura aspekto, tre altvaloraj, tamen ĉiu indas kaj altiras sprite kaj gaje, kaj pro formala korekteco, nian atenton kaj ŝaton. Pruviĝas, do, ke ne estas necese ke ĉiu teksto estu stile majstraĵo por ke ĝi, ordinare, estu plenefika kaj vere valida laŭcele.

«La mirinda libro» estas ankaŭ la titolo de enlibra rakonta spertaĵo kiun, kiel valora atestaĵo, verkis L. Serrano Pérez. Kaj la filino de la omaĝito, Anna M. Molera, la tre efika kaj konstanta helpantino de sia patro, per emociaj rememoraj vortoj ankaŭ portretas la fidon kaj la bonkorecon de tiu, kiun ni ĉiuj priploras.

Jen modesta libreto, i.a., laŭ aspekto beletra, al kiu ni diras «Bonvenon!».

**G. Mora i Arana**

# NEKROLOGOJ

## RAMON FERNANDEZ JURADO



H.E.F. travivas doloran perdon pro la forpaso de la eminenta membro de nia federacio, **Ramón Fernández Jurado** je la aĝo de 70 jaroj.

Li naskiĝis en Almerio, sed kiam li estis kvarjaraĝa, translokiĝis kun sia familio al Barcelono. Dum sia viriganteco kaj juneco loĝis en la kvartalo Gracia, kie kun sia granda amo al kulturo, li kutime vizitadis Laboristajn Centrojn kaj Kulturajn Societojn. Baldaŭ li lernis Esperanton kaj de la jaroj 1933-a ĝis 1935-a, li instruis tiun ĉi lingvon en diversaj centroj.

En la jaro 1936-a li varbiĝis volonte al la milito por defendi la Respublikon leĝe starigitan. Li estis vundita 7 fojojn kaj fine li estis enfermita en malliberejo. En la prizono Modelo de Barcelono, li daŭrigis la instruadon de Esperanto al aliaj malliberuloj.

Poste li ekziliĝis dum 17 jaroj en Santiago de Chile. En tiu urbo li laboris ankaŭ por la disvastigado de Esperanto; instruante kaj ricevante reprezentantojn el multaj landoj.

Post sia reveno al Hispanio, dum kelkaj jaroj li estis membro de la jurio de la Internaciaj Floraj Ludoj.

En la jaro 1983-a li estis elektita Urbokonsilanto de la komunumo Castelldefels. Li laboris en la Komunikada Departamento. Inter multaj aliaj taskoj, li organizis esperantan kurson en tiu urbo, kaj kompreneble li estis la instruanto. Post la kursfiniĝo oni fondis la unuan Grupon de Esperanto en Castelldefels.

Dum la nunjara elektado al la Aŭtonoma Parlamento de Katalunio li fariĝis Deputito.

Fernández Jurado mortis, sed la semo kiun li disĵetis dum sia vivo, restas inter liaj amikoj, kamaradoj kaj sekvantoj.

NI HONORAS LIAN MEMORON

**Martí Guerrero Cots**

## CLEMENTINA TRANQUE IGLESIAS

La 31-an de Julio forpasis en Valladolid, **F-ino Clementina Tranque**, kunfondintino de la loka Esperanto-Grupo «Fido kaj Espero».

Ŝi partoprenis en la unua elementa kurso okazinta en Valladolid la jaron 1958-a gvidata de s-ano Mariano Cantalapiedra, fondinto de la loka E-o Grupo.

La tuta vivo de la Valladolid-a Esperanto Movado marŝas paralele al la agado de F-ino Tranque, ĉar dum multaj jaroj ŝi apartenis al la estraro de «Fido kaj Espero» dejorante en diversaj postenoj.

Virino ĉiam vigla, ĉiam preta helpi, ne gravas en kiu tasko, ŝi apartenis al diversaj E-Asocioj kiel K.E.H.A., I.K.U.E., U.E.A. el kiu dum pluraj jaroj ŝi plenumis la taskon de Fakdelegitino pri Virinaj Aferoj.

Dumviva membro de la Hispana Esperanto-Federacio, ŝi malavere helpis nian agadon pere de mondonacoj, kiuj plej abundis ekde ke la sidejo de HEF situis en Valladolid.

La forpaso de F-ino Tranque estas por la loka, nacia kaj eĉ mi kuraĝas diri internacia movado grandan perdon. Al sia fratino Mercedes kaj restantaj familianoj ni esprimas nian sinceran kondolencon.

**R. Ureña**

# LA MIRINDA LIBRO



OMAĜE AL
RAMON MOLERA

**Ĉu la Delegita Reto de UEA interesas vin?**
**Legu la lastan verketon «LA MIRINDA LIBRO»,**
**eldonita de Barcelona Esperanto-Centro.**
**Prezo nur 300 pesetoj.**
**Mendebla ĉe Libroservo de H.E.F.**